I Jaro. VIII Num. 1917 Aŭgusto.—Madrido




ILUSTRITA REVUO-MONATA
OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»



S-RO. NARCISO BOFILL

Inĝeniero.—Delegito de Zamenhofa Federacio kaj de U. E. A. en Palma de Mallorca

# LA ARBO ĈE LA MARBORDO

Poeto promenis laŭlonge sur marbordo, serĉante inspiron por plori kaj kanti la foreston de sia amatino. Laŭ li, ĉio estis nigra kaj malgaja; li plendis pri la ondoj de la maro, ĉiam devigataj iri kaj reiri, kaj kiam ili alvenas ĉe la sablo por ripozi, ricevas tiel teruran frapon, ke ili blekas kaj bruas pro doloro. Tial ke ili ne povas verŝi larmojn por trankviligi sian suferon, sin ornamas per blanka ŝaŭmo, kvazaŭ martira krono.

Daŭriginte sian promenadon, li vidis karobarbon, kiu kreskis izolita proksimume je cent metroj de la marbordo, kaj kies vivmaniero ŝajnis kompatinda al nia poeto. Ĝi aspektis kvazaŭ terurigita de la bruo de la maro, klopodante, per sia tuta povo, sin apartigi el la salita akvo, kaj celante avide la kamparon.

Ĝia trunko aperis klinita; la branĉoj, kiuj ricevis senpere la puŝon de la maraj ventoj, estis preskaŭ sen folioj, mallongaj kaj torditaj, kaj kontraŭe, tiuj de la aliaj flankoj etendiĝis rekte, kiel la brakoj de timigita virino, kiam ŝi petas helpon, forkurante de senkompata persekutanto; dum la komenco, la radikaro ŝajnis fiksi la turmentiton al la loko en kiu ĝermis. Ĝi rememoris pri la homa arbaro desegnita de Doré en la Dia Komedio, aŭ pri unu el tiuj abomenindaj krimoj, kiuj tro ofte, prezentas la kinematografo, por forigi la dormadon de vartistinoj kaj knabetoj.

Tiam la poeto komencis kanti per tro longaj versoj la turmentojn de la malfeliĉa arbo. Tamen al tiu ĉi eble ne plaĉis la modernstila poezio, kaj por silentigi la bastardan filon de la muzoj diris al li jenon, kiu efikis al muzido kiel elŝpruco de malvarma akvo.

– Amiko, la afero ne estas tiel grava kiel vi supozas; nek la maro abomenas min, nek blovas por malfaciligi mian vivon, nek la arboj timas la maron, kaj mi tute ne volas apartigi min de la loko kie falis la semo de kiu mi devenas. Kiam oni transplantas unu el miaj samspeculoj, ĉiam restas elmetita je gravaj danĝeroj; tial la arboj ne havas inklinon al turismo.

Ankaŭ la maraj ventoj ne estas por mi malprofitaj; kontraŭe, ĉar ili estas iom malsekaj taŭgas por mi kiel roso aŭ pluveto. Sed bedaŭrinde, kiam ili antaŭeniras rapide, kunportas gutetojn da salita akvo, kiuj sin demetas sur miajn foliojn kvazaŭ pulvo, brulante la buŝetojn kiujn mi havas por spiri. Poste la vento pasas, kiel se ĝi estus filtrita, al la kontraŭa parto de la branĉaro, kies folioj estas preskaŭ ŝirmitaj kontraŭ la salo. La puŝo de la vento okazigas la kliniĝon de la trunko, tordas tiun duonon de la branĉaro kiu rigardas la maron, kaj rektigas, preskaŭ horizontale, la alian.

Ja la arboj proponas al ni ekzemplojn de rezignacio kaj konstanteco, por sin defendi kontraŭ la malfavoraj cirkonstancoj, kaj por profiti la bonon ricevitan. Preskaŭ ĉiam la homo deflankigas sian prudenton kaj agas kontraŭe.

*R. Codorníu*

# La blindulo kaj la lakto

Blindulo de naskiĝo demandis vidanton: «Kia estas la koloro de l'lakto?» La vidanto respondis: «La koloro de l'lakto estas blanka kiel la papero.» La blindulo demandis: «Nu, ĉu tiu koloro kraketas ankaŭ sub la manoj kiel la papero?» La vidanto respondis: «Ne, ĝi estas blanka kiel faruno.» La blindulo demandis: «Nu, ĉu ĝi estas tiel mola kaj dissŝutebla kiel faruno?» La vidanto respondis: «Ne, ĝi simple estas tiel blanka kiel blanka leporo?» La blindulo demandis: «Do, ĉu ĝi estas lana kaj mola kiel leporo?» La vidanto respondis: «Ne, la blanka koloro estas precize tiel kiel neĝo.» La blindulo demandis: «Do, ĉu ĝi estas malvarma kiel neĝo?»

Kaj tiom da ekzemploj la vidanto citis, ke la blindulo neniam povis kompreni, kia estas la blanka koloro.

El rusa originalo de Tolstoi tradukis

Bilbao, 1917. *F. Díez*



KATEDRALO (AVILA)

# Kio okazas en tiu planedo?

En la planedo Marso estas loĝantoj multe pli inteligentaj kaj progresintaj ol tiuj de la Tero. Tamen de antaŭ kelkaj monatoj ili observas astronomian fenomenon, kiun ili ne povas klarigi al si.

Jen la afero: fama astronomiisto kunvokis la samsciencanojn por observi proksiman planedon, ĝiajn strangaĵojn kiujn li vidadis kaj kiujn li neniam vidis antaŭe, nek la astronomia historio rakontis ion similan. Ĉiuj celdirektis la plej bonajn teleskopojn al la mistera astro, kaj nokte kaj tage, komisiitaro nomita ekspresе, rigardadis senĉese, senlace, kaj notis kaj fotografis, kaj streĉis atenton kaj cerbon.

Ofte kunsidis la astronomiistoj por pritrakti la aferon, kaj multaj proponis diversajn hipotezojn por klarigi ĝin. Unu el la ĉefaj supozis ke pro ia neklarigebla kaŭzo, la atmosfero de tiu astro plidensiĝis en difinita regiono, kaj sekve la sunlumo, tage, kaj la lumo de sekvulo, nokte, refraktiĝas tie kaj kaŭzas lumajn fenomenojn. La plej multo el la scienculoj ne estis konvinkataj de tia klarigado.

Alia asertis ke ĉar en tia epoko kaj en tiu planedo ofte okazas en la norda duonsfero, fulmotondraroj, la afero estas nur senĉesa, longedaŭra, fortega regiona fulmotondraro. Ankaŭ tiu ĉi teorio ne estis akceptata, ĉar en ĉiuj epokoj la fenomeno daŭras.

Alia diris: «Same kiel la suno havas makulojn, tiu planedo havas ilin. Tiuj de la suno estas nigraj ĉar la suno estas brila; kaj tiuj, de la astro kiun ni observadas, estas brilaj ĉar la astro estas senluma». La ceteraj astronomiistoj demandis: «Kial?...»

La plej maljuna el la scienculoj proponis pli verŝajnan hipotezon: «Tiu planedo — li diris — estas pli nova ol la nia; tie ankoraŭ la interna fajro puŝas fortege. La fenomeno, do, estas vulkana fenomeno; la interna premado serĉis elirejon kaj atingis montri fumon, fajron kaj tian strangan kaj ne klarigeblan ruĝkoloron». «Eble», diris kelkaj. «Neeble — diris aliaj — ĉar oni neniam observis en tiu planedo tian grandegan vulkanon».

Neniu restis tute konvinkita. La dubo regas. Nun ili senĉese observas kaj senlace pripensas. Tamen neutile.

Ha! se mi povus sciigi ilin pri la afero... ĉar mi povas ĝin klarigi.

Mi ne scias kiel ili nomas nian planedon. Sed certe estas la Tero la planedo kiun ili observadas.

Kial ili — grandegaj talentuloj — ne trafas?... Ha! ja mi scias tion. Ili ne trafas ĉar ili vidas la fumon, la fajron kaj la sangan ruĝkoloron, sed ili ne atingas vidi la brilon de la larmoj.

*Rafael de San Millán*

---

# KIEL KAJ KIAL MI ESPERANTIĜIS

Dum mia infaneco mi multe estis aŭdinta pri internacia lingvo «Volapuk», tial ke ĉe Guadalajara, kie mi loĝadis kaj estis studinta unu kaj dugradan lernadojn, estis la ĉefa sidejo de tiu lingvo en nia patrujo, ĉar al la Ateneo apartenis tre spertaj kaj kleraj profesoroj de la Milita Akademio Inĝeniera, de la Instituto kaj de la Normala Lernejo. El tiuj spertuloj mi rememoras S-rojn Ugarte, Inĝeniera Kolonelo; Sanz Benito, profesoro de la Centra Universitato, kiu estis mia profesoro pri franca lingvo kaj psikologio, kaj Iparraguirre, kiu fatale mortis tre juna. La tri estis tre entuziasmaj volapukistoj kiuj multe propagandis ĉiel. Mi ĉeestis la Ateneon kaj aŭdis iliajn paroladojn kaj de tiam mi estis ema je internacia lingvo. Tamen mi ne eklernis *volapuk'n* kaj post kelkaj jaroj mi sciis ĝian malsukceson.

Nenion mi estis aŭdinta pri alia internacia lingvo kaj mi tute forgesis tiun aferon ĝis kiam, pro altrangiĝo, oni destinis min al oficejo en kiu dejoris Kapitano Perogordo. Kapitano Perogordo, entuziasma kaj nelacigebla propagandanto, parolis al mi pri Esperanto, kaj komence, sisteme, pro mal-



TRE ARTA FERPREDIKEJO DE LA KATEDRALO

sukceso de *volapuk*, mi refutis liajn argumentojn, sed li konvinkis min dirante: «prenu ĉi tiun broŝureton; legu ĝin atente, kaj poste diskutu».

Mi legis kaj relegis la broŝureton kaj mi konvinkiĝis pri nia kara lingvo, kaj kiel mi, aliaj kamaradoj kaj oficistoj, el kiuj nur mi persistas.

Mi ĉeestis kurson de S-ro Perogordo ĉe la Militista Klubo kune kun S-roj Múgica, S-ro Lozano kaj S-ro Cambronero kaj aliaj. La nomitaj ankaŭ persistas; sed bedaŭrinde ili ne partoprenas nian agadon, pro oficialaj devigoj la du lastaj kaj foresto en Maroko la du fratoj Múgica.

Mi ŝuldas al mia ĉiam kara profesoro posedi la plej belan idealon, kiun mi povis revi, kaj esti koninta kaj manpreminta la plej grandan homamanton de l'nuntempo, nian neforgeseblan Majstron, D-ron Zamenhof, ĉar li kaj mi kune vojaĝis al Berna Kongreso kaj al Itala Kongreso Esperantista en Milano. Neforgeseblaj tagoj, kiuj feliĉigis min kiel neniam mi estis esperinta!

Dank' al mia kara profesoro mi konatiĝis kun estimindaj personoj alilandaj, kaj ĉe ni, hodiaŭ mi kalkulas grandan nombron da bonaj amikoj.

Mi imitas lian konduton kaj tiun de la tre estiminda kaj malnova propagandisto Sinjoro Ricardo Codorniu: propagandi Esperanton estas mia plej granda plezuro; lernigi Esperanton, mia plej aminda okupo; laboradi senĉese por sukcesigi Esperanton, mia konstanta revo. Hodiaŭ pli ol hieraŭ, ĉar se la terurajoj militaj mortigis nian Majstron, ni ŝuldas al Li venĝon: venki militon per Esperanto.

*Julio Mangada Rosenörn*

---

# Tiel parolas Ravachol

Ravachol rigardante renversiĝi la Temploj de la Katolikismo, samtempe la Borsoj de la Kapitalismo, kaj ankaŭ la palacoj de la Justeco, sin turnas rapide kaj montrante fiere la Bombon, kiun li tenas, ekkrias per tiu potenca voĉo, kiu ĉie anoncas la fieran *heureka* «Mi venkis! La hodiaŭa senmorteco iras ligata al mia triumfa veturilo! La civilizacio jam havas simbolon: la Bombon! Gloru min!»

Jes, min! Neniu povas forpreni ĝin de mi. Se mi ne estus la Mesio de la Detruado, mi estus Antaŭulo, la *Baptisto*... Mian procedon oni perfektigis; oni pligrandigis ĝian agadkampon; hodiaŭ la Bombo enhavas pli potencajn eksplodilojn, ol estis tiuj, per kiuj mi ŝargis la mian... La nombro da suferantoj estas grandega... Sed en tiu modesta provo, estis la ĝermo de la detruo de la Katedralo de Reims; same kiel en la ovo estas la aglo; same, kiel en la spermo demetita en la utero de la leonino estas la reĝo de la arbaroj.

Granda jam estis la popolo, kiu uzas mian procedon, perfektigante ĝin; de hodiaŭ ĝi estos la unua el la unuaj en la historio de la Civilizacio.

En tiu popolo filozofoj kaj militistoj marŝas mano en mano... la scienculoj kaj la poetoj; la komercistoj kaj la politikuloj, kaj ĉiuj ĥore diras al la popolamasoj: «La Bombo! Per ĝi vi savos vin! Fidu pri ĝi, kaj ĝi savos vin!»

Kaj la praktiko sekvas la teorion.

Kaj la bombo eksplodas, ĉu en la tranĉeo, aŭ en la reduto; ĉu sub la ondoj, aŭ super la nuboj; ĉu je dek paŝoj, aŭ je dekkvin kilometroj; ĉu tage, aŭ nokte.

Kaj ĉu detruegas ĝi fortikaĵon, aŭ bruligas katedralon... Ĉu dronigas kirasŝipon, aŭ balaas tutan regimenton... Ĉi tie disigas tra la trotuaro la restaĵojn de maljunulino; tie ne lasas eĉ restsignon de infano... La monstro de la Detruado gvidata de la inteligento! Konscio terura! ........ ........

........................................

Ĉi tio, ĉi tio estis tio, kion mi revis; tio, kion sola kaj modeste mi iniciatis; tio, kion la Civilizacio kaj la Scienco disvastigas nun je la nomo de Dio, same tra la tero, kiel tra la maroj, kiel tra la aero...

Senkulpigu min, tial, se mi min konsideras plena je admiro pri mi mem, por esti

oferinta mian vivon ĉe la altaroj de mia kredo, por proklami definitive la dogmon de la Detruo.»

.......................................

Tiel parolas Ravachol.

Hispane verkis,
*J. N.*

# La kamparo de l'ekzilejo

**(Poezio de Antonio Feijó)**

Ho, landoj nordaj, mia ekzilejo,
Kvietaj akvoj, rokoj kaj pinarboj...
Senpoezia teda rifuĝejo
En kiu ne bird' kantas sur la arboj.

Ho, landoj nordaj, mia ekzilejo...

Senfinaj lagoj kaj dezert' senbara,
Senondaj maroj sub ĉiellazuro;
Nek unu flugo de bird' orplumara,
Nek unu floro de la sudnaturo.

Senfinaj lagoj kaj dezert' senbara...

Vesperoj longaj, palaj, senkoloraj
Diskrete, dolĉe, lace mortiĝante;
Ne estas fonto, nek ĝardenoj floraj,
Nek bird' flirtante aŭ river' bruante.

Vesperoj longaj, palaj, senkoloraj...

La blu' ĉiela svena kaj senĉarma,
La blu' okula ne posedas brilon...
La sun' radias en somero varma
Sed ĝi ne dolĉa igas la ekzilon.

La blu' ĉiela svena kaj senĉarma...

El portugala lingvo trad.
*B. Martins D'Almeida* (*Bemaldo*).

# Pri virina karaktero

Oni scias pri la homa karaktero per sulkoj de la manoj, per skribaĵoj, k. c..

Observemuloj, tra tute novaj vojoj, studis homan karakteron per la maniero sin vesti, per la maniero sin kombi, per la difektitaj kalkanumoj, k. c., kaj ili atingis bonan rezultaton.

Ĉu vi, karaj F-inoj kaj S-inoj, difektas multe kalkanumojn de viaj pantofloj? Do, nepre, vi estas bonegaj mastrinoj, laboremulinoj, kiuj iras de ĉi tie tien kaj de tie ĉi tien ĉiam zorgantemaj. Ĉu vi, amataj virinoj, difektas multe kalkanumojn de viaj botoj kaj ŝuoj? Mi ne volas respondi kaj ĉagreni vin, ĉar ĉagreni vin estas nepardoninda kruelaĵo.

Nun, observemuloj atentis, por studi virinan karakteron, pri l'maniero porti ombrelon kaj pluvombrelon. Kompreneble por studi karakteron de virino portanta pluvombrelon, estas necese tion fari kiam ne pluvas; kiel fari tion tra la ombro, kiam virino portas ombrelon. Kiam pluvas aŭ iras sub sunradioj ĉiam virino portas same pluvombrelon aŭ ombrelon.

Virino portanta malfermitan pluvombrelon ĵus ĉesinta pluvo estas bona mastrino, ŝparema kaj laborema, ĉar ŝi scias, ke pluvombrelo fermata kiam la pluvo ĉesas difektiĝas rapide.

Virineto kiu envolvas sian pluvombrelon tute trempita ne estas kondiĉigita ankoraŭ por esti hejmestrino. Tiu, kiu neniam ĝin envolvas, montras esti senordema.

Virino tenanta ĉiam post ŝi pluvombrelon aŭ ombrelon sciigas al ni sian karakteron malbonan. Kiu ĝin portas sub la brako estas gaja virino, ridema kaj babilema.

Kiam virino portas ombrelon kvazaŭ lanco, estu singardema pri ŝia karaktero, ĉar ŝi estas energia kaj decidema.

Junulino balancanta senzorge sian ombrelon dum ŝi rigardadas fikse la ĉielon estas frivola, kaj ŝia spirito nekonstanta kaj sensprita.

Se junulino portas sian ombrelon sur la brako kvazaŭ infano, kiun lulas, ŝi estas serioza, amema kaj ofte inteligenta.

Tiu, kiu frapetas ĉiupaŝe pavimon per sia ombrelo estas aminda kaj fidela.

Atentu, do, junuloj kiujn vi amindumas.

*Fakiro*



PORTALO DE LA KATEDRALO



FLANKA PORDO DE LA KATEDRALO

# AVILA HISTORIO

Nenion oni scias pri ĝia fondo. Ekzistis, de la plej antikvaj tempoj, kiujn priskribas nia historio, *Abila* aŭ *Obila*. Ĝi staris ĉe la regiono de la *Velones*, nomo de la loĝantoj de la antikva *Vetonia* aŭ *Vettonia*, kiun la romanoj apartenigis al la *Lusitania* kaj konsideris kolonion. Je 714, la araboj gin almilitis, kaj ĉu la kristanoj, ĉu la araboj, regis ĝin ĝis kiam *Alfonso VI^a^* ĝin almilitis definitive. Ĉi tiu reĝo komisiis al sia bofilo, la grafo *Don Ramón*, restarigi kaj kreskigi ĝin, ĉar pro la antaŭaj militoj, ĝi multe malgrandiĝis. Je 1110, la mahometanoj intencis realmimiliti ĝin, kaj kuraĝega virino, *Jimena Blázquez*, kontraŭstaris al la sieĝo, defendante brave la urbon, pro kio oni rajtigis voĉdoni en la urbaj kunvenoj al ĉiuj ŝiaj posteuloj. La avilanoj defendis la reĝon *Alfonso VII.^an^* kontraŭ lia duonpatro, la aragona reĝo, kaj *Alfonso VIII^an^*, kontraŭ la ambicio de lia onklo *Fernando II^a^*. La korpusoj de ĉi tiu urbo partoprenis la famajn batalojn de *Alarcos* kaj *Navas de Tolosa* kontraŭ la maŭroj. *Fernando III^a^* kaj *Alfonso X^a^* donis al *Avila* novajn privilegiojn. Kaj ĉe ĝi, la dua kunvokis deputataron je 1273, kaj oni proklamis *Don Sancho IV.^an^* reĝo. En ĉi tiu urbo restis la reĝo *Alfonso XI^a^* dum sia infaneco kiam mortis *Fernando IV^a^*, lia patro, kaj la episkopo *Don Sancho*, fortikigita ĉe la granda preĝejo, defendis la infanan reĝon kontraŭ la reĝidoj kiuj intencis kapti la infanon por regi la regnon. Je 1367 la urbanoj sin decidis partianoj de *Don Enrique* kontraŭ la reĝo *Don Pedro I^a^*. Je Aŭgusto de 1420 okazis en ĉi tiu urbo la edziĝo de la reĝo *Juan II.^a^* kun *Doña María de Aragón*. Multe ĝi partoprenis militojn kaj ribeladojn okazigitaj de la favorito *Don Alvaro de Luna*; kaj je la regado de *Enrique IV.^a^*, ĉi tie kunvenis konspirantoj starigantaj eŝafodon ĉe ĝiaj remparoj, sur kiun ili metis vestitan statuon de tiu reĝo, kiun ili juĝis kaj sentencis, kaj laŭ la sentenco, la ĉefepiskopo de *Toledo*, *Don Alonso Carrillo*, demetis kaj jetis la kronon; *Don Alvaro de Zúñiga*, la spadeton; la grafo de *Benavente*, la sceptron; kaj *Don Diego López de Zúñiga*, parolante ofendajn frazojn faligis la figuron reĝan, kaj ĉiuj proklamis la reĝidon *Don Alonso*, frato de *Enrique IV.^a^*, reĝo. Ĉi tiu ceremonio okazis la 9.an de Junio de 1465, kaj tial ke *Don Alonso* mortis post tri jaroj, lia fratino *Isabel* ne konsentis esti kronata kiel deziris fari la malamikoj de *Enrique IV.^a^*, kaj ŝi celis kaj atingis pacigi ĉiujn, pro kio la reĝo donis *Avila'n* kaj aliajn urbojn al la reĝidino. Tre aktive Avila partoprenis la militojn de la *Comuneros* (milito de la komunumoj), kaj kiam la ribelantoj decidis reguligi sian registaron kaj starigi agadcentron, la deputatoj kunvenis en ĉi tiu urbo pro ĝia centra situacio geografia ĉe la regionoj ribelantaj, kaj ĉi tie oni starigis la *Junta Santa* (Sankta Komitato) kiun prezidis *Don Pedro Lasso de la Vega*. En ĉi tiu urbo naskiĝis *Santa Teresa de Jesús* kaj *Sancho Dávila*, kaj estis episkopo ĝia la famkonata *Alonso de Madrigal*, nomata *Tostado (Rostito)*.

---

# PRI LA ĜENTILECO

Ĉiuj popoloj honoris pli aŭ malpli solene la belecon. La iluzio de la viro estas esti amata de la amata virino, iluzio kiun nur oni atingas per ĝentilaĵoj kiuj allogos la amatinon kaj atingos ŝian volon.

Inter la antikvaj popoloj, la greka estis la plej ĝentila, sed ni devas escepti *lacedemonan* ĉar ĝi konsideris kiel punindan kutimon kaj eĉ kiel krimon la ĝentilecon por la virinoj. Speciale la *atenanoj* amindumis siajn amatinojn ornamante ŝiajn pordojn kaj fenestrojn per kronoj kaj girlandoj el floroj kaj el mirto, origino de la florplektitaĵoj per kiuj la junuloj de iuj vilaĝoj de Hispanujo ornamas la pordojn de la junulinoj je la nokto de Sankta Johano. Krom ĉi tiuj ĝentilaĵoj, kiujn oni imitis dum la epoko de *Vagantaj Kavaliroj*, la junuloj kantis belecon de siaj amatinoj kaj siajn ampasiojn per afiŝoj penditaj ĉe l'muroj. Je la tagiĝo, sub

fenestroj de la amatino aŭ ĉe ŝia pordo, la Grekoj kantis amkantojn je l'takto de liro kiun ili mem ludis, aŭ je la takto de flutoj ludataj de amikoj. Serĉante originon de niaj amserenadoj, oni devas konkludi, ke la araboj portis al ni tiujn grekajn kutimojn. Tage, amantoj purpure vestitaj, parfumitaj, kronitaj de freŝaj floroj kaj akompanataj de sklavoj portantaj kamposeĝeton kaj florojn, tiu por ripozi kaj ĉi tiuj por ilin oferdoni al la amatino, promenis tenante belegan kaj riĉan bastonon arteskulptitan. Kiam amatino aperis ĉe fenestro, amanto oferdonis al ŝi la florojn.

*Sócrates* amindumis famkonatan *Aspasia'n*, el kiu li ricevis lecionon pri politiko kaj elokventeco; *Alejandro la Granda* amindumis *Frijne'n*, kiu rekonstruis remparojn de *Tebas* je lia trezoro; *Diógenes* kaj *Aristipo*, la ruzan *Lais; Epicuro*, la famkonatan filozofinon *Leoncia;* k. c. Tial ke filozofoj kaj sciuloj estis ĝentilaj, la popolo, kiu adoris ilin, ankaŭ estis ĝentila, kaj pro tio la virino ĝuis en Grekujo la dolĉaĵojn devenantaj de la amĝentileco de la viroj.

La romanoj ne estis tiel ĝentilaj kiel la grekoj, ĉar ĝiaj kutimoj estis tro liberaj kaj diboĉaj, kaj estis maldelikataj la manieroj atingi la amon. Tamen, estis romanoj kiuj praktikis la grekajn kutimojn por kontraŭstari al tiuj abomenindaj kutimoj, kaj super ĉio, kutimo konsideri ĉiujn virinojn kvazaŭ prostituulinoj.

Dum la mezepoko la ĝentileco atingas plej altan gradon, kaj ĝin praktikas tre delikate. Ĉi tiu ĝentileco kaj la poezio, patrino kaj akompanantino de la unua, mildigas la kruelajn kutimojn de tiu epoko, kaj levas la tombaplatŝtonon sub kiu kuŝis la civilizacio de Grekujo kaj Romo de kiam la sovaĝaj, barbaraj kaj superstiĉemaj gentoj gotaj invadis la suban Eŭropon je la IV.ª kaj V.ª jarcentoj.

Laŭ la almilitantaj gentoj gotaj civilizaciiĝis, ĝiaj kruelaj kutimoj pliboniĝis, kaj la ĝentileco kaj la poezio alteniĝis, kaj la beleco de la virino, fontano de ĝentilaj inspiroj, belega celo de civilizacio, estis la pero. La deziro komplezi virinon kaj sin montri inda je ŝi, kune kun la religia entuziasmo, kreis *Vagantajn Kavalirojn*, Institucio religia kaj ĝentila, kavalirarafestojn kaj multajn belegajn ludojn kiujn elpensis la kavaliroj por honori la virinan belecon, en kiuj oni praktikis la plej delikatan ĝentilecon. Tre ĝentilaj estis la kristanaj kavaliroj por la virinoj, sed la hispanaj araboj respektegis multe pli la virinon.



---

# MALĜOJOJ PRO MALPROPRA BONO

I.—Li estas reĝo; mi nur kronprinco, kiam li sin prezentas antaŭ la Korteganaro, ĉiuj rigardoj estas por li. Mi, malantaŭe, ĉiam malantaŭe!

II.—Kial mi naskiĝis poste? Mia frato estas kronprinco, mi nur princo. Li estas unika; kiel mi, estas kvar.

III.—Grafo! Por kio taŭgas al mi la ŝildo kaj la nobeleco, se ne estas reĝa sango en miaj vejnoj? Se almenaŭ mi estus princo!

IV.—Mi aĉetis nobeltitolon. Nu! La veraj nobeluloj ĉiam diros ke mi ne havas nobelan sangon.

V.—Kiel feliĉa li estas! Li riĉiĝis sufiĉe por sin egaligi kun la nobeluloj. Se mi povus aĉeti nobeltitolon!

VI.—Se mi estus tiel feliĉa kiel li mi dezirus nenion. Milionojn, multajn milionojn! Mia riĉeco rilate al la lia estas mizero.

VII.—Mi, sekretario de tiel seninteligenta viro! Servi lin estas humiligo.

VIII.—Se mi atingus esti sekretario... Sed mi nur estas skribisto.

IX.—Kia nelaciga laboro, tia de l'skribisto! La laboro de ĉambroservisto estas tre teda.

X.—Tie-ĉi sur la veturigista sidejo suferante la kruelaĵojn de l'vetero, dum la ĉambroservisto vivas kiel princo.

XI.—Nu! Bone! Mi zorgas pri la ĉevaloj kaj laboras tage kaj nokte, kaj la azena veturigisto sidas fiere sur la veturigista sidejo.

XII.—Se mi iam iĝus ĉevalejisto! Kiel

bone li manĝas! Egoisto! Hodiaŭ li nur donis al mi malmolan pecon da pano kaj unu oston kaj la restaĵoj devas kontentigi min!

XIII.—Oni donas al tiu ĉiuvespere poton da manĝaĵoj kaj eble li ankoraŭ plendas!

XIV.—Kian bongustan malmolpanon kaj nutrigan oston li manĝas! Kiam mi atingos similan manĝaĵon?

XV.—Por kio taŭgas al mi esti reĝo? Certe pli feliĉa ol mi, estas tiu almozulo kiu kuŝas sub la sunlumo kaj rigardas kiel la alia mizerulo suĉas oston kaj manĝas pecon da malmola pano!

# INTERESA OKAZINTAĴO

En *Annápolis* (Usono), ĉe la solono por kunvenoj de senatanoj de la antikva palaco de la leĝo, starantaj geflanĉoj sur la loko mem sur kiu staris George Washington je 1783, por prezenti sian generalestran eksiĝon pro la fino de la milito, kiu liberigis la dektri koloniojn formantajn la grandan respublikon usonan, okazis edziĝo de F-ino Isabelle A. Mc Caffrey kaj D-ro John Slepheu Horn de California.

Ŝi estas direktorino de «Amerika Esperantisto», eldonata en West Newton (Massachussets). Li ankaŭ estas esperantisto entuziasma. Ili ĉeestis Kongreson de «Esperanto Society of North America» ĉar ili ambaŭ estas membroj eminentaj de tiu ĉi societo. Ili tradukis esperante el angla lingvo la dirojn de la ceremonio. Kaj faris la ceremonion esperantista pastro S-ro James L. Smiley, helpanta pastro de la episkopejo *St. Anne de Annápolis*. Ĉi tiu estis devigata rapidigi ceremonion kaj elparoli tute korekte esperanton. Ĉeestis ĉiuj kongresanoj.

# Zamenhofa Federacio

De ĉie ni ricevas leterojn, plenaj je entuziasmo pro nia laboro kaj revuo; kuraĝigantajn nin daŭrigi la laboron; gratulantajn nin pro la sukceso atingita ĝis nun. Eĉ fremdajn leterojn, kaj laŭdojn ĉies.

Dankon, dankegon, sed ni devas konstati: la sukceso ne estas nia, la sukceso estas ĉies, tial ke la entuziasmo kaj agemeco de ĉiuj sukcesigis la laboron. Ni nur estas la iniciatoroj kaj ni ne povas akcepti gratulojn kaj laŭdojn, kiuj apartenas egalparte al ĉiuj kunlaborantoj; sed ni estas tre kontentaj, ni sentas profundan ĝojon ĉar la leteroj elpruvas kaj rimarkigas al ni la entuziasmon ĉies. La entuziasmo iĝas agemeco, kaj agemeco estas la ĉefa kondiĉo por triumfi.

Zamenhofanoj fondis kvar novajn grupojn, kaj antaŭ finiĝi la jaro estos fondotaj aliaj laŭ la laborpreparoj entreprenitaj.

La plej bona ligilo inter ni estas nia revuo, tial ĝin subteni estas nun ĉefa afero por ni, Multenombrigi abonantojn devas esti celo nia, kaj ĉiuj penadu tion atingi, kaj la komitato kontentigos ĉiujn disdonante interesajn librojn esperantajn. Konsciu ĉiam: Unuiĝo estas forto.

Estas necese por plenumi la 4.an regulon de nia regularo ke zamenhofanoj voĉdonu Delegitojn kaj ke ili sciigu al ni rezultaton por starigi Konsilantaron de la Federacio.

Nia Federacio estas okmonata kaj ĉiuj miras pro la rapida sukceso, ni entuziasme, senlace, daŭrigos nian vojon, sed akompanu nin karaj *gezamenhofanoj*, estu, kiel ĝis nun, entuziasma kaj konstanta nia kunagado; ni laboru kiel eble plej konstante kaj efike, profitante la tempon ĝis la fino de la milito por prezenti al la tuta esperantistaro nian patrujon sufiĉe bone esperantigita.

Pro peto de iuj zamenhofanoj, kvankam la tempoj ne estas favoraj, ni malfermas liston de donacantoj por starigi la monumenton al nia kara, neforgesebla kaj ĉiam plorata Majstro.

Bonvolu sciigi al ni viajn iniciativojn pri propagando, kaj pri ĉio kio rilatas al nia celo esperanta.

Samideane salutas gezamenhofanojn kaj abonantojn.

*La Komitato*



ALTARO DE SANTA LUCIA.—KATEDRALO

**MONDONACANTOJ**
**por starigi internacian monumenton al nia Majstro**

| | Pesetojn. |
|---|---|
| 1. S-ro. Narciso Bofill. Delegito de Zamenhofa Federacio.—Palma de Mallorca | 25,00 |
| 2. Julio Mangada. Sekretario de Z. F. Madrid | 10,00 |
| | 35,00 |

*(Daŭrigota)*

# Esperanta movado

*Madrido.*—La 8.an de Julio, ĉe la Institucio Amikoj de la Instruado (Kvartalo *Prosperidad)* okazis belega festo esperantista. Oni malfermis la feston kantante «La Esperon», kiun ludis piane F-ino Sara Rodríguez. Poste S-ro Johano Calahorra legis fragmentojn, de iuj verkoj de D-ro Zamenhof, pri *la interna ideo de Esperanto*, kaj versaĵon «La Esperanza» de Carlos Miranda. Aŭskultantoj multe aplaŭdis precipe paragrafojn de Doktoro Zamenhof.

S-ro Gregorio Sánchez ludis hispanan monologon «El Tio Gervasio» de Joaquín Dicenta.

Fine, ludis unuaktan teatraĵon, france originale verkita de D-ro W. Van Der Biert, kaj hispane tradukita de S-ro Vicente García Ruiz-Pérez, «Amores Esperantistas»: F-ino María Ferreiro estis *Mis Daisy;* F-ino Leonor Core, *S-ino Astrevert*, mastrino de la Hotelo: S-ro Manuel Gismera, *Benito;* S-ro Millán Vicente, *Bernardo;* kaj S-ro Johano Calahorra, *Mister Black.*

Laste, okazis dancado.

Je la deksepa de Julio kunvenis la esperantistoj de la kvartalo *Prosperidad* por starigi Grupon, kiu viglos kaj aktivigos esperantan propagandon en tiu kvartalo kaj disvastigos se eble Esperanton al aliaj kvartaloj. Ĉiuj ĉeestantoj konsentis kaj tuj oni legis provizoran regularon.

Tial ke la anoj de la nova Grupo estas knaboj, kiuj entuziasme altentenas nian verdan standardon, honora entrepreno, homamanta celo inda je imito, decidis ke la monata kotizaĵo estos 25 centimojn. Tamen, pli grandaj kotizaĵoj estu memvolaj.

Unuanime oni decidis nomi la novan Grupon «Verda Stelo», aliĝi tuj al Zamenhofa Federacio kaj aboni «Hispana Esperantisto'n».

Novaj pioniroj de nia sankta afero, ni salutas samideane ĉiujn esperantistojn, kaj fervoraj kaj nelacigeblaj ĉiam ni estas pretaj kunlaboradi triumfigi Esperanton.

Oni voĉdonis komitaton: Prezidanto, sinjoron Johano Calahorra; Kasisto, S-ron Vicente García Ruiz-Pérez, kaj Sekretario S-ron José María Malleu.

—

*Tarrasa* (Barcelona).—La 13.an de Junio, la Tarrasa Esperantistaro okazigis nekrologian feston por honori nian plorindan Majstron, D-ron L. L. Zamenhof, kies morto estas granda perdo por la Homaro. La salonego de la urbodomo estis tute plena, granda kaj respektinda ĉeestantaro honoris Lin.

Je la 11.a proksimume S-ro Ventalló, urbokonsilanto, kiu anstataŭis lian Moŝton, la Urbestron, malfermis la feston per belegaj paroloj laŭdintaj virtojn de D-ro Zamenhof kaj lian homaman elpenson.

Nia pioniro kaj entuziasma propagandisto el *Barcelona*, S-ro Jozefo Grau, elokvente paroladis pri utileco de nia kara lingvo kaj oni povis konstati kaj rimarki la impreson konvinkantan de liaj paroloj sur la vizaĝoj de la aŭskultantaro.

Kelkaj samideanoj el Tarrasa naskis ideon laŭdinda: eldoni modestan esperantan gazeton por propagandi nian lingvon kaj batali kontraŭ idista movado, kies organo «Internaciona Laboristo», ĵus aperis en *Huelva.* Nia celo estas disvastigi Esperanton inter la hispana laboristaro, ĉar ni ne povas konsenti, ke ambiciuloj venu bari la triumfan vojon de nia sankta lingvo. Ni petas al la samideanoj simpatiemaj je nia entrepreno sin turnu al S-ro. S. Chaler, strato San Mariano, 124.—*Tarrasa* (Barcelona).

*Korespondanto*

—

*Barcelona.*—Je la 1.ª de Julio, la Grupo «Nova Sento» sukcesigis ekskurson al *Villanueva y Geltrú* kaj *Silges*. En *Villanueva*, ĵus alvenintoj vizitis la Ateneon detale kaj poste pordisto de la Ateneo akompanis ekskursantojn viziti S-ron Suñe, profesoro de la Industria lernejo, kiu plezure montris al ili la Lernejon kaj klarigis ĉion kion ĝi enhavas. La kontento de la vizitantoj estis granda.

De tie ili iris viziti Muzeon «Balaguer», kie oni akceptis ilin atente kaj kie ili povis admiri kuriozaĵojn, artaĵojn kaj antikvaĵojn.

Poste ekskursantoj piediris al *Silges*, haltinte ĉe «La Mata». En *Silges* ili vizitis «Can ferrat» de S-ro Rusiñol.

Ekskursantoj dankas S-rojn Suñe, Rusiñol kaj ceterajn akceptintojn.

La 1.an de Julio okazis, je la honoro de nia plorata Majstro, matensolena festo nekrologia ĉe l'«Ateneo Barcelonés». Sinjoro J. Puiggali, el Kataluna Esperantista Federacio, prezidis kaj li salutis varmege ĉeestantaron kaj rememorigis nian Majstron, Sekve S-ro J. Grau Casas kaj D-ro J. Bremon, parolis respektive pri verkaro kaj vivo de D-ro Zamenhof. Fine, S-ro Grau legis kelkajn poeziojn de nia Majstro kaj la ĉeestaro aŭdis stare «La Esperon».

Spite nunaj fatalaĵoj, ĉeestis gesamideanoj el Sabadell, Villanueva y Gelrú kaj Grupoj el Barcelona «Barcelona Stelo», «Ĉiam Antaŭen», «Nova Sento», «Espero Kataluna» kaj «Semo», kaj «Aplech Esperanta Grupo» el Sabadell.

—

GAZETOJ RICEVITAJ

*Frace-Esperanto.* (París. Rue de Clichy, 51). Majo-Junio.—Preskaŭ tute dediĉita al nia kara Majstro. Ĝi raportas pri juĝoj aperitaj sur multenombraj gazetoj kaj ĵurnaloj pri D-ro. Zamenhof kaj Lia Lingvo. Ankaŭ publikigas belan poezion «Himno de Danko» de Harrison Hill, kaj bonan artikolon «Angla lingvo kiel internacia helplingvo!»

*Esperanto Monthly.* (London W. C. - 17 Hart Stret.) Julio.—Publikigas belegajn poeziojn de Bertram Potts (El ĵurnalista raporto el franca batalkampo), «Francujo kaj Esperanto» tre interesa artikolo.

LIBROJ RICEVITAJ

*Kaŝitaj Vortoj* de la «Superega Plumo» de BAHA' U' LLAH, tradukita el persa lingvo de Lotfullah S. Hakim, John E. Essbemont. Havebla de la Brita Esperantista Asocio. Ĉi tiu kvardekpaĝa broŝuro priskribas profetaĵojn de la persa Profeto de la XIX.ª jarcento Baha' U' llah.

**LISTO DE MEMBROJ**

24.—Andrés Rosique. D. Matías, 8. *Cartagena* (Murcia).
25.—Pedro Rodríguez. Plaza Tres Reyes, 2.
26.—Luis Campos. Plaza Tres Reyes, 2.
27.—Angel Mingot. Plaza Tres Reyes, 2.
28.—Francisco Fernández. San Isidoro, 2.
29.—Antonio Granados. Andino, 2.

**LISTO DE ABONANTOJ**

5.—Grupo de Bilbao (40 abonojn).
6.—A. S. Vinzent. 2308, Haste St. *Berkeley* (California. Usono).
7.—Henry U. Fisher. *Perth Amboy* (New Jersey. Usono).

**Sendu al ni esperantajn sciigojn**

—

Ĉiu, kiu abonos ĉi tiun revuon, ricevos senpage «Pri Cervantes kaj lia famkonata verko El Quijote» kaj «Tri rakontoj kaj kelkaj versaĵoj».

Ĉiu, kiu aliĝos al Zamenhofa Federacio, ricevos senpage la unuan verkon, tial la aliĝo kostas neniom ĉar la prezo de tiu verko estas *unu peseto*.

S-ro Fernando Redondo, nia redaktoro, pretigas manuskripton por ekeldoni *Enciklopedia Vortaro Esperanta'n*, grava kaj tre interesa verko. Rajtos ricevi senpage ok paĝojn ĉiumonate ĉiuj, kiuj abonis kaj abonos *Hispana Esperantisto'n* de ĝia unua numero.

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid